

# PENSEO

*N-ro 162*

*aprilo./2005*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 16-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm

# El Strangaĵoj de Liaozhai



## DEFRAŬDOJ

**II.**

Vicgeneralo N, kunportante negrandan sumon, veturis al metropolo, celante akiri oficon de ĉefa oficiro, tamen lin ĝenas manko de kanalo.

Iutage, homo peltvestita, kiu rajdis sur ĉevalo, alvizitis sin konigante:

"Mia bofrato estas servisto proksima ĉe imperiestro."

Post trinko, la homo petis konfidencan momenton kaj diris:

"Nun troviĝas vaka posteno de generalo, se vi ne avarus pri pago de granda sumo, mi volonte petus ke mia bpfrato proparolu rekomendante vin al la sankta imperiestro, tiam la ofico falos en vian manon kaj neniu alia povos rabi for de vi."

La vicgeneralo suspektis ĉu la homo mensogis. Sed la homo persvadis, dirante:

"Ne hezitu pri tio. Ĉar tio, kion mi esperas, nur estas eltiri malgrandan procenton de mia bofrato, sed nenian sapekon de vi. Nun ni povas interkonsenti pri iu sumo, kaj subskribi paperon kiel ateston. Vi pagu la sumon nur post kiam la imperiestro donis al vi la aŭdiencon, se la afero ne sukcesos,, via mono ja ankoraŭ restas ĉe vi mem, kiu ja povus forrabi tion el via sino?"

Aŭdinte tion, la vicgeneralo tre ĝojis, kaj jesis senhezite.

La sekvan tagon, la homo revenis por konduki la vicgeneralon viziti al lia bofrato, laŭdire nomata Tian, kiu vivis en tiel impona domo kiel tiu de lordo.

La vicgeneralo salutis al li, sed Tian sin tenis tre arogante, ĵetinte strabab rigardon al la vicgeneralo, Tian ne tiom reciprokis la saluton laŭ ĝentileco.

La homo tenis paperon kaj diris al la vicgeneralo:

"Pri via afero mi jam interkonsiliĝis kun mia bofrato antaŭ momento. Oridinare sen dek miloj da taeloj da arĝento tio ne sukcesus. Do, bonvole subskribu vian nomon!"

La vicgeneralo faris subskribon obeeme.

"Nesondebla estas la homa koro," ekparolis Tian, sin turnante al la homo. "Ĉu okazos perfido post la sukceso?"

"Ho, vi havas superfluan skrupulon! Bofrato! Se vi povas havigi al li la oficon, ĉu vi ne povas ankaŭ malhavigi? Kaj, por diri la veron, nun en la Kortego ja estas multaj mandarenoj kiuj volas flatakiri vian favoron sed eĉ ne povas trovi kanalon al vi. Mia amiko la generalo celas promesdonan estontecon, ni kredu ke li ne estus tiel perfidema!"

Ankaŭ la vicgeneralo donis fortan ĵuron pruvigante sin fidinda kaj poste ili disiĝis.

La homo sendis lin elirante kaj diris:

"Respondo certe venos al vi en limdato de tri tagoj!"

Forpasis du tagoj. Kiam la suno subiris okcidente, kelkaj homoj enkuris kriante al la vicgeneralo:

"La imperiestro nun atendas vin sidante en la halo!"

Konsternite, la vicgeneralo urĝe rapidis en la Kortegon kaj vidis ke la imperiestro sidis sur la trono kaj ambaŭflanke impone staris armitaj gardistoj.

Post kiam la vicgeneralo finis sian humilan riverencon, la imperiestro ordonis havigi al li sidilon kaj afable parolis al li.

Ĉirkaŭrigardante al siaj subuloj, la imperiestro diris:

"Mi iam informiĝis ke tiu ĉi majstris luktarton. Hodiaŭ, post intervidiĝo, mi konstatas ke li estas vera generalo!"

Kaj la imperiestro diris al li:

"Tiu loko estas tre grava por milito, nun mi komisias vin tie garnizoni. Ne malpravigu mian konfidon! Kaj espero por markiziĝo ja atendos vin!"

La vicgeneralo refoje riverencis dankante la grandan favoron de la imperiestro, kaj retiriĝis.

La homo, peltvestito do rajdis sekvante lin veni al la hotelo kaj laŭ la atesto prenis la interkonsentitan sumon.

La vicgeneralo do kun granda ĝojo atendis la oficialan nomumon kaj ĉiutage li pavis al siaj parencoj kaj amikoj pri sia feliĉo kaj gloro.

Tamen, post kelkaj tagoj, li informiĝis ke tiun vakan oficon jam okupis alia homo. La vicgeneralo eksplodis de kolerego. Li brue disputis riproĉante en la halo de Ministrejo pri Militaj Aferoj:

"Mi jam estis elektita de la imperiestro, kial do vi donis tiun oficon al alia homo?"

La ministro sentis grandan miron. Sed, kiam la vicgeneralo rakontis pri la aŭdienco far la imperiestro, li kvazaŭ deliras pri tio, kies plejparton li travivis nur en sonĝo.

Ankaŭ la ministro pri la Militaj Aferoj ege koleris kaj ordonis aresti lin por prijuĝado. Nur tiam la vicgeneralo mem konfesis pri la nomo de la peranto, sed fakte tute ne troviĝis tiu en la Kortego; do, la kulpa vicgeneralo devis pagi ankoraŭfoje dek milojn da taeloj da arĝento por sin liberigi kaj fine li revenis hejmlokon perdinte sian originalan rangon.

Ho, strange! Kvankam la militisto estis stulta, tamen ĉu la Kortego povis aperi pseŭda? Mi dubas ĉu efikis ia magio, ĝuste kiel oni diris: "La granda rabisto neniam uzis lancon."

(daŭrigota)

tradukis **Guozhu**

## Kantvortoj el la filmo *Franjo la Tria Liu* (elektitaj)

**elĉinigis Vadant**

**I.**



Disaromas flor' sur mont',
Altorentas flu' sub pont'.
Se maljustan vidas mi,
El mi ŝpruĉas kanta ond'.

**II.**



Kanto fontas el montar',
Tra arbaro jen al mar',
Kiu aĉus bari ĝin,
Tuje dronus sub ondar'.

**III.**



Tigro dignas sur la mont',
Drako viglas en la ond'.

Viv-oferas mi por kant',
Kantos eĉ en infer-mond'.

**IV.**



Ni penege vivas nu,
Kvazaŭ flosi per bambu'.
Kuraĝiĝas mi per kant'
Tra serion de sinu'.

**V.**



Liu: Malic-ŝvel',
Al mi falis glav-kruel'
Mi murdite vivas sed
Laŭte kantas sur river'.

**VI.**



Liu: Onda bol'.
Saltas fiŝoj kun fervor'.
Laŭte kantas mi sur ond',
Flu' teneras kun favor'.

**VII.**



Liu: Jen mi estas ne fein',
Tamen arbohakistin'.
Pro al mi tre plaĉas kant',
Ĉien flosas mi sen fin'.

**VIII.**



Liu: Mi sur krut' en tiu tag',
Lian-prenis por arb-hak'
Lian-rompis firiĉul',
Mi do akven. ekas vag'.

**IX.**



Onklo: Estu hejmo jen ŝipet'!
Indas mi por vi je kred'.
Se la lupo aĉos plu,
Mi ĝin rompos ĝis skelet'.

**X.**



Liu: Iam staras li sen son'
Fulme drakas nun tra ond'.
Mi ĵus vokis lin trans ŝip',
Li tuj ruĝis je vang-hont'.

## Hejmvilaĝo

**A Jiu**

Mi ofte vagas inter blua ĉiel' kaj klara akvo,
volante hejmreveni kiel ordinaraj homoj.
Sed kien ajn iri, mi min sentas fremda al la loko.
neniu colo da lunlum' min vartas kiel sian filon,
neniu domo
volas min protekti kiel hejmvilaĝo,
ĉar en dorssako mia nur troviĝas penso-cindro.

Gepatroj miaj havis sian devenlokon,
neniam tien tamen mi eltrovis,
jen kien ili priskribadis:
la loko por prapatroj — malĝojiga,
la lok' por posteuloj — neekzista.
Mi tamen devas havi hejmvilaĝon.
Jes, mi ja devas havi!
La vortoj, kiujn mi eligas,
prezentas mian plej fortan voĉon — la plej grandaj vortoj.

elĉinigis **Yaomei**

## La Terura Sperto en Mia Domluado

Pro ia kaŭzo mi luis domon. La lupago estis nekredeble malalta. Kiam mi enloĝiĝis, mi trovis, ke najbaroj ĵetas al mi neordinaran rigardon kaj klaĉas malantaŭ mia dorso.

Tion mi sentis tre stranga. Iutage mi alkroĉiĝis al la maljuna pordisto kaj insistis, ke li diru al mi la kialon. Lia rakonto iris jene: antaŭ mia enloĝiĝo paro da geamantoj okupis la domon. Ili ĉiam tenis bonan rilaton, sed oni ne sciis, kial ili brue kverelis la tutan nokton pro ia afero. Post tio, oni ne plu vidis la amatinon. Post kiam la amanto redekoris la ĉambron, li ankaŭ malaperis.

La najbaroj rimarkis, ke la viro ofte kalkis murojn dum profundaj noktoj. Pro tio, ili konkludis, ke la viro mortigis sian amatinon kaj masonfermis ŝin malantaŭ la muro. Aŭdinte la rakonton, mi sentis malvarmon tra la spino.

Reirinte al mia loĝejo, mi faris ekzamenon ĉie. Sidante en la lito, mi fikse rigardis dubigan akvospuron. Ju pli longe mi rigardis, des pli ĝi similis al homfiguro, kiu baraktis eliri el la muro. Mi tuj sentis timan froston, tiel ke mi kovris mian kapon per litkovrilo por dormi.

Meznokte mi sonĝis pri la paro. Ili kverelegis, kaj la viro, pro kolerego, strangolis sian amatinon per ŝnuro kaj masonis ties kadavron en la muron. Mi vidis, ke la amatino, sangante el la okuloj, baraktas en la muro kaj krias, "Lasu min eliri! Lasu min eliri!" Mi vekiĝis pro timo. Ne plu reteneble, mi ekfosis la muron per ŝraŭbilo.

Finfine mi sukcesis bori trueton sur la muro, kaj vidis unu okulon rigardi al mi...

Aĥ! Tio estas ver...

Subite...

La okulo fariĝis buŝo, kaj ĝi komencis eligi vortojn, "Najbaro, kial vi fosis en nia muro?"

elĉinigis Sun Jian

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊